# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



**PLENUMITA 16/11/2018 Kvarcenta eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur kun la dekaj eldonoj

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

**Uzindaj ligoj.** *openclipart. * *reta-vortaro * *Freelang Vortaro* *Plena Ilustrita Vortaro* * Google Translate* * Pasintaj AE eldonoj* * Duolingo * *duolingo all courses * * lingvohelpilo* *PMEGramatiko* * Esperanta Retradio*

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

**Entute 755,000 lernantoj nun studas Esperanton per Duolingo**



Nun studas 374,000 lernantoj per la angla lingvo. (Ekde Majo 2015)

Nun studas 308,000 lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde Oktobro 2016)

Nun studas 73,000 lernantoj per la portugala lingvo. (Ekde Majo 2018)

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# La numero 400



## Gratulon al la Aŭstraliaj Esperantistoj

**Subtenu ĝin. Jam 400 numeroj. Sendu artikolojn!**



Saluton Roger, Grandan gratulon al vi: la novaĵbulteno aperas la 400-an fojon! Eksterordinara atingo, bona laboro! Amike, *Katja Steele*





Baldaŭ aperos la 400a Aŭstraliaj Esperantistoj kaj tio meritas multajn gratulojn kaj iom da pensumado. *Terry Manley*





La venonta numero de AE estos la 400-a. Daŭrigu vian bonegan laboron.

Plej amike, *Sandor Horvath*



Kara Roger,

Baldaŭ aperos la 400-a numero de AE. Nekredeble!

Refoje, ni ne havas alian eblecon serioze kaj fortege honori, aprezi kaj gratuli vin.

Nome de la membraro de AEA ni elkore dankas vin pro la lastaj 400 (kvar cent!) numeroj de Aŭstraliaj Esperantistoj.

Ne multe de ni vere imagis ke via projekto daŭros tiom longe kaj ke vi sukcesos krei 400 numerojn.

Ni admiras vian energion kaj koherecon kun la regula eldonado de AE.

AE tutcerte montras ke io ĉiam okazas en la Aŭstralia angulo de Esperantujo.

Restu sana kaj daŭrigu vian bonegan laboron por nia ŝatata lingvo.

Plej amike,

*Esther, Heather, Indrani, Jonathan, Sandor, Terry* por la AEA 2018-11-11

      



# GRAMATIKA SERIO "ĈU VI SCIIS?" N.ro 10





La en la antaŭa artikoleto menciitaj ĝustaj alternativoj gramatikaj ĉiuj estas laŭ la Fundamento aŭ laŭ eldiroj de Zamenhof. Aldone ni menciu, ke en la Zamenhof'a Esperanto ne ekzistis verba Pasiva Voĉo, kiel en eŭropaj lingvoj. Lia sistemo de participaj adjektivoj estas genia, kaj de granda valoro en la lingvo. Por lerni tiun genian sistemon instruistoj ne identigu ĝin al la eŭropaj sistemoj, kiuj uzas verbojn anstataŭ adjektivojn por krei siajn aktivajn kaj pasivajn voĉojn. Instruistoj instruu uzi simplajn verbojn anstataŭ la eŭropaj du- aŭ tri-verbaj kombinaĵoj, kaj poste instruu unue la Esperantajn adjektivojn uzatajn kiel epitetojn (= antaŭ substantivo), kaj poste kiel predikativoj. Nur post tio oni instruu la Esperantan Pasivan Voĉon unuverban. La nereguleco kaj komplikeco kaj manka sistemo de la voĉoj en eŭropaj lingvoj tre malfaciligas la instruon de la simpla kaj logika sistemo de Esperanto. (daŭrigota). *Marcel Leereveld*



# La Manlia Esperanto-Klubo





Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm. Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagota kafo atendos vin. La 17a de novembro estos la tria sabato. Venu al la Manlia grupo. Bona sperto, bona Esperanto, bona loko, bonaj amikoj kaj senpaga kafo. *Roger Springer*








Elkorajn kondolencojn al Nicole Else je la forpaso de ŝia kara patro, Lucien Giloteaux. Mi konatiĝis kun Gesinjoroj G. kaj precipe kun Lucien, dum pluraj partoprenoj en kongresoj kaj somerkursaroj en Aŭstralio. Lia allogo al la idealismo interne de Esperanto trovis eĥon ankaŭ en mi. Dankon, Nicole, pro la bela intervjuo kun via dolĉe ridetanta paĉjo. Li ripozu en paco, kaj vi kaj via familio memoru la ĝojplenajn okazaĵojn kiujn vi spertis kune kun li. *Vera Payne*





## Esperanto Pocket Textbook estas PROPAGANDILO

Uzu, fordonu, semu Esperanto-semojn. Ne lasu kopiojn sur bretoj.



# El Adelajdo



La novembran kluban kunvenon partoprenis 14 personoj. Liz Welling ĉeestis la unuan fojon, sed jam de longe lernas Esperanton. Ŝi prezentis al la ĉeestantoj sian feriadon en Kvinslando. Ni parolis ankaŭ pri la preparoj de la Somerkursaro-kongreso de AEA, pri la jarfinaj aranĝoj, novaj libroj…



Bob Felby kaj Liz Welling




Benno Lang, Hugo Lang, Lauren Noble

Informas AE *Katja Steele*



# Senĝardenaj apartamentaroj.

## AŬSTRALIAJ LOĜEJOJ .



Antaŭ cent jaroj la loĝejoj en aŭstraliaj urboj, escepte de la centra butikaro, estis kutime memstaraj unuetaĝaj domoj kun malgranda ĝardeno. Ofte troviĝis ĝardeno antaŭ kaj ĝardeno malantaŭ la domo, de diversaj grandoj. Poste oni ofte konstruis malgrandajn kaj grandajn apartamentarojn. Kelkaj el ĉi lastaj eĉ ne havas ĝardenon ĉirkaŭ si, precipe en la urbcentro.

En eŭropaj urboj, antaŭ cent jaroj kaj nun, oni trovas preskaŭ nur apartamentarojn. Ili kutime estas kvadrataj, sen antaŭaj ĝardenoj, sed kun malgrandaj ĝardenoj en la enfermita centro de la domaro. Tiuj apartenas nur al la loĝantoj de la unua etaĝo, la t.n. teretaĝo. Notu ke la eŭropanoj erare nomas la duan etaĝon la unua etaĝo. Plej ofte, kaj kutime devige, ekzistas nur kvar etaĝoj, kvankam nuntempe oni konstruas ĝisdekkvinetaĝajn apartamentarojn, sed precipe ekster la urbcentroj, ĉar la eŭropanoj amas, kontraŭe al la aŭstralianoj, siajn malnovajn domojn kaj ne detruas ilin, kiel kaj kiom faras la aŭstralianoj, vandale. Pro la altaj kaj densaj apartamentaroj nunaj oni bezonas detrui malpli da eksterurba arbaro aŭ brutejoj.

En la kvadrataj domblokoj oni kutime havas balkonon en la malantaŭo de la apartamento. Ĝi precipe celas sekigi lavaĵojn. Sed en Aŭstralio tiaj balkonoj ofte troviĝas ĉe la antaŭo de la apartamento, kaj tiuj celas precipe sidi en la suno.

La tipe aŭstralia antaŭurbo havas milojn da apartaj domoj kun sia ĝardeno, la lasta nuntempe tre malgranda por malaltigi la prezon. La eŭropa ĝardeno ĉe apartaj domoj, ja nur ekster la urboj, estis ĉiam tre aŭ eĉ ege malgranda. Ĝi servas nur por sidi ekstere en la suno kaj meti la rubujon. En eŭropaj landoj antaŭ cent jaroj la kutima altecnivelo estis kvar etaĝoj, ne pli. En Nederlando la unua pli alta domaro, kaj pro tio fama tiutempe, konstruatis ĵus antaŭ la dua mondmilito, do antaŭ okdek jaroj. Post la 1940-45a milito oni komencis konstrui altajn "ĉielskrapulojn", sed ne en la centroj de la urboj, ĉar la eŭropanoj tre amas siajn urbojn. En Aŭstralio okazas la kontraŭo: la altegajn konstruaĵojn oni konstruas prefere en la centro de la urboj, detruante la malnovajn konstruaĵojn, vandale. Nuntempe ekzemple en Melburno oni povas vidi la sunon nur se oni grimpas dekojn da etaĝoj. Mi demandas min, ĉu ne pli belus konstrui la domojn profunden en la teron, kaj tiel uzi senpagan varmegon de la interno de nia tero (Legu anstataŭe: "de la tero kiu tuta apartenas al la grandaj internaciaj kompanioj").

*Marcel Leereveld.*

## LA BELA KAJ PERFEKTA ESPERANTO .

Ankaŭ pluraj etnaj lingvoj kapablas fari adjektivojn el kombinaĵoj de substantivo kun sia adjektivo (*largeheaded, singlehanded*), sed multe malpli ol Esperanto. Observu la jenajn:

La nova aŭtomobilo de la nova reĝo. Do la "reĝa aŭtomobilo", kion oni ne rajtas kombini ĉar estas substantivo kun sia adjektivo, kio ne eblas. Do NE La reĝaŭtomobilo. Sed eblas kombini substantivon kun sia adjektivo, se la rezulto estas adjektivo, do: La novreĝa (aŭtomobilo). Eĉ: La nova novreĝa aŭtomobilo. Sed ne eblas kombini nova kun aŭtomobilo, ĉar ili rezultus en

substantivo; do NE La novaŭtomobilo. Sed eblas: La novaŭtomobila stirado. Ekzistas naturaj tialoj por tiuj reguloj.

Jen alia ekzemplo: La juna filo de la juna patro. NE eblas: la junfilo, nek la junpatro. Sed eblas: La junpatra juna filo. Aŭ La juna junpatra filo. Kompreneble ankaŭ: La junfila (juna) patro.

La nokto kun plena luno: La plenluna nokto. (Komparu: La lunplena nokto = kun multe da lunlumo).

La regulo do estas: Oni neniam povas kunglui substantivon kun sia adjektivo, do NE Junpatro nek Junfilo, sed jese se oni kombinas ilin ĝis adjektivo (junfila, junpatra), aŭ ĝis adverbo.

Simila regulo aplikiĝas ĉe verbo kun sia adverbo: NENIAM rapidmanĝi (el: rapide manĝi) NEK klarlegi (el legi klare), sed eblas: rapidmanĝe kaj rapidmanĝado, kaj klarlega kaj klarleganto.

Nek eblas kombini verbon kun sia gramatika objekto: NENIAM Ŝi kukbakis (el Ŝi bakis kukojn), NEK Oni ne rajtas alkoholtrinki ĉi tie (el: trinki alkoholon). Sed eblas kukbakado kaj kukbakisto kaj alkoholtrinka (junulo) kaj alkoholtrinkantoj.

La tialoj por la reguloj estas naturaj, interesaj nur por lingvistoj. *Marcel Leereveld.*






*Heather Heldzingen*



# Melburnaj Esperantistoj planas ekskurson per pramŝipo,

St. Kilda al Williamstown

Ni invitas vin partopreni en ekskurso per pramŝipo St Kilda al Williamstown la 25an de Novembro 2018 je 11 atm.

Trafu la pramŝipon 200 metrojn laŭ la St Kilda Pier suben je la dekstra flanko.

Ni piknikos en la ĝardeno apud Gem Pier, Williamstown kaj aŭ prenu vian propran manĝaĵon aŭ aĉetu laŭ via plaĉo.

Ni retrovenos je 2 ptm aŭ se vi preferos resti longe, je 4 ptm.

Vi havas ankaŭ la eblecon kunporti biciklon. (Telefonu 0412320315)

Kosto:

| | | |
|---|---|---|
| Tien kaj reen per pramŝipo: | Plenkreskulo: $30.00 | kun rabato: $25.00 |
| Nur unudirekten : | Plenkreskulo: $20.00 | kun rabato: $16.00 |





*Heather Heldzingen*



BRISBANA ESPERANTO - SOCIETO

kunvenas la trian sabaton ĉiumonate, 13:30h

Brisbane Square Biblioteko, Adelaide St.

Vizitantoj estas bonvenaj

Zamenhof Festo ,Sabate, 15.12. , Brizbano, "Southbank "-- Rivero ĉirkaûejo. Detaloj baldaû.



# Aldone al la kontribuaĵo de Trevor Steele en Novaĵletero 399

Kun via permeso, kara Trevor, sed la scienca nomo de "Callistemon " estas UNIVERSALA latina nomo.

Estas pli bona ni volonte akceptas tion, mi Kredas



*Peter Danzer*


Callistemon-arbuston floras en mia ĝardeno



*La Esperanto-Federacio de Viktorio*

*invitas vin al nia "Zamenhofa Festo"*

*6.30 ptm, Sabaton la 15an de Decembro 2018*

*ĉe la "Melbourne Unitarian Peace Memorial Church"*

*110 Grey Street, East Melbourne.*

*Ĝuu vesperon de muziko, kantoj, paroladoj kaj aliaj distraĵoj*

*Bonvolu alporti pladon*

*Ni esperas ke vi celebros kun ni.*





*Heather Heldzingen*

# Resumo de la venontaj kunvenoj en Melburno:

18an Nov - ni kunvenos ĉe ACMI Cafe & Bar kiel kutime
19an Nov - ni kunvenos ĉe Ross House kiel kutime kaj celebros rondan naskiĝdatrevenon de grava membro Heather Heldzingen.

25an Nov - anstataŭ kunveni, ni ekskursos per pramo al Williamstown
26an Nov - ni kunvenos ĉe Ross House kiel kutime

2an Dec - ni kunvenos ĉe ACMI Cafe & Bar kiel kutime
3an Dec - anstataŭ kunveni ni vespermanĝos por celebri la kontribuojn de Ken Rolls, kun li kaj lia edzino Christine. Kontaktu min se vi deziras la detalojn.

9an Dec - ni kunvenos ĉe ACMI Cafe & Bar kiel kutime
10an Dec - ni kunvenos ĉe Ross House kiel kutime



**15an Dec - Zamenhof-festo! Nia jarfina festo kaj la lasta kunveno de la jaro.**
Sciigu al Heather (heather@melburno.org.au) se vi havas ion por prezenti

Niaj kunvenoj rekomencos la 4an de Februaro, 2019. *Joanne Johns*



# Maitland RiverLights Festival 2018

Riverlights
Multicultural Festival

Sabaton 13an de oktobro 2018 (3-9 ptm), dek esperantistoj spite de la pluvo, la anoj de Esperanto-Federacio de NSK-helpis prizorgi la esperanto-informan tablon ĉe la Maitland RiverLights Festival. La vizitantoj estis pli malmultnombraj ol antaŭvidite, ĉirkaŭ ok mil. Venis multegaj familioj dum la nokto.

Ĉi tiun jaron partoprenis pli ol 24 kulturaj grupoj, inkluzive de 16 lingvoj. "Lingva Salono" enhavis duonhoron da lingvaj salutoj.. Esperanto havis ludon "*Guess Who*" prizorgita de Newcastle-membro, Kerry Robson.

La esperanto-informa tablo havis standardojn reklamante Esperanton NSK; Amikumu-programon kaj kelkajn esperantajn flagojn. Literaturo estis sur la tablo kun muziko de JoMo ludita mallaŭte.

Konversacioj pri Esperanto variis de ", Ĉu ĝi ankoraŭ ne mortis?"; "Ĉu Vere! Mi ne sciis ion pri Esperanto."

Grandan dankon al Jonathan Cooper; Alan Turvey; JoAnne Cho; Dmitry Lushnikov; Richard Delamore; Doris; kaj niaj gastoj el Usono, Indonezio kaj Germanio.

Je la posta dankceremonio, je la 23/10/18, Andrew akceptis “Ateston de Aprezo” por la Esperanto-Federacio de NSW, prezentita de la urbestro de Maitland Loretta Baker.

Venu al la venonta festivalo je la Sabato 12a de Oktobro 2019, "La Levy" Alta St, Maitland, 3-9pm www.MaitlandRiverLights.com.au



Kontribuo de: *Andrew Spannenberg*, Newcastle-Esperanto-Societo.
Foto Sube

## La Esperanta Retradio donas bonan ĉirkaŭ-5-minutan aŭskultadon/legadon ĉiun tagon.

http://esperantaretradio.blogspot.co.at/?view=magazine





La tialo pro kiu mankas informon pri via klubo estas ke via klubo ne sendis ĝin al AE

# "Malgrava historieto pri mia vivo" Bob Felby

## Ĉapitro 20 La lastan fojon en Skandinavio unua ero



Sed ni daŭrigis nian vivon en Aŭstralio. Okazis Universala Kongreso en Prago, Ĉeĥujo, kaj unu jaron poste en Adelajdo, Aŭstralio. Venis multaj gesamideanoj el la tuta mondo, kompreneble, sed tamen kaj malgraŭ ĉio, ĉar Aŭstralio situas tiom for de la cetera mondo, la flugprezoj estas tiom altaj, ke ne ĉiuj povis veni. Tamen, ni ne plendas, sed ĝojegas, ĉar finfine ankaŭ Adelajdo estas sur la Esperanta mondmapo.

Oni ree okazigis Universalan Kongreson de Esperanto en Skandinavio. Bategis mia koro, ĉu eble ankoraŭ unu fojon mi revidos belegan Skandinavion ? Diris Audrey, ke jes ! Ni ne havis multe da mono, sed laŭ Audrey sufiĉe por unu persono. Vole ne vole mi konsentis, ĉar Audrey estas nuntempe tre malsana kaj al ŝi ne plu plaĉas tiom vojaĝi. Mi do iris aĉeti bileton al Kopenhago. Mi flugis unue al Singapuro, tiam al Frankfurto sur Majno, kaj de tie al Kopenhago, malpli longa vojaĝo ol al Helsinko. *Daŭrigota* *BobFelby*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★




Radio de la Nordaj strandoj

Hieraŭ la komuna radio telefonis min kun invito parolu pri Esperanto je sia programo. Komprenante hodiaŭ la 14an de novembro, mi vizitis la radion por propagandi Esperanton. Ĉi dimanĉon inter 3.25 kaj 3.30 ptm vi povos aŭskulti la programon je https://www.rnb.org.au Ankaŭ oni reuzas la programon ĉi mardon inter la 8atm kaj la 9atm *Roger Springer*




★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Aŭstralia floro



Trevor Steele demandis kiel oni preferas nomi "*bottlebrush tree*" en Esperanto. La botanika nomo de la genro estas *Callistemon*. En Vikipedio oni emas uzi la vorton "kalistemo". La termino *Callistemon* estas grekdevena, do tial en la esperantigo oni ellasas la sufikson "-on".

La Reta Vortaro difinas la vorton "skovelo" jene: "Tubobroso kun cilindra hararo kaj verga tenilo por purigi ekzemple la internon de boteloj". Plejmultaj esperantistoj ne scias la vorton sed mi trovis ĝin ĉe https://eo.wikipedia.org/wiki/Aspergillus. Mi ne trovis la vorton "skovelarbo" en Vikipedio aŭ en la Interreto.

Bedaŭrinde la taksonomio de la kalistemoj estas disputata: iuj opinias ke ili devus esti en la genro melaleŭko (*Melaleuca).* Vidu ĉe: https://en.wikipedia.org/wiki/Callistemon. Pro tio eble estus konvene nomu ilin "tubobrosoj", "tubobrosarb(ed)oj", "tubobrosujoj", "tubobrosfloroj". Tamen neniu faris tion, laŭ mia scio. *Donald Rogers*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



**3ZZZ** La elsendo de la 12a de novembro proponas al vi informojn pri Afriko kaj Esperanto kaj pri mirindaj medicinaj eltrovoj.
La kunvokanto *Franciska Toubale*



★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★